2/96

# Internacia Ĵurnalisto

organo de TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)

# Adiaŭ, profesiaj seriozeco kaj etiko...

## Trompo kaj falsado vastiĝas en rivel-ĵurnalismo

Certe vi memoras la konflikton, kiu en januaro estiĝis inter Turkio kaj Grekio pro neloĝata rokinsulo en Mediteraneo. Korespondanto de turka (aŭ truka?) ĵurnalo *Hürriyet*, Cesur Sert, kaj kameraisto de privata turka (aŭ truka?) televizio *Kanalo D*, Osman Korkmaz, luis helikopteron por flugi al insuleto Imia/Kardak (greka/turka nomo) kaj tie hisi la turkan nacian flagon anstataŭ la greka, kiu flirtis super la rokoj.

La du ĵurnalistoj havis sian sensacian raporton, kaj la du landoj – tradiciaj malamikoj, kvankam ambaŭ membroj-ŝtatoj de NATO – mobilizis siajn mararmeojn. Oni pensis pri rakontoj el Absurdistano, sed fakte tio okazis kaj furoris tra l' mondo. Certe, la konflikto daŭris bonŝance nur kelkajn tagojn, tamen sekve de ĝi eĉ tri grekaj soldatoj perdis la vivon, kiam ilia helikoptero kraŝis en la maron! Kion diras la konscienco de la du turkaj ĵurnalistoj?

Ho jes, la maldekstrema turka ĵurnalista asocio CGD kritikis la gekolegojn: privataj tv-kanaloj kaj gazetoj en batalo pri altaj ŝaltokvotoj kaj eldonkvantoj ekspluatis kaj akrigis la insulokrizon. La asocio admonis ĵurnalistojn en ambaŭ landoj, raporti neŭtrale kaj modere.

Sendube, tiu ĉi spektaklo estis kulmino de ĵurnalisma agado, kiu pro sensacio fajfas je profesiaj seriozeco kaj etiko. Ekstrema ekzemplo de vastiĝanta degenero de rivel-ĵurnalismo, kiu ja havas siajn kvalitojn kaj meritojn, sed kiu ne povas simple ignori plej primitivajn etikajn postulojn laŭ la moto, ke la celo sankcias la rimedojn.

Ĵurnalistaj moroj disfalas eĉ en landoj, kiujn oni taksis ĝis nun imunaj kontraŭ tia infekto, ekzemple Germanio. Certe, ankaŭ en tiu lando okazis jen kaj jen skandaloj tiuspecaj (memoru koncernan raporton en antaŭa IĴ); sed nun malkovriĝis tuta serio da trompaĵoj kaj falsaĵoj de germana tv-ĵurnalisto, kiu liveris siajn kontribuaĵojn al pluraj tv-kanaloj. (Vidu la artikolon sur paĝo 5.)

Kiel ajn, tiaj skandaloj misfamigas ja ne nur unuopajn gekolegojn, sed la tutan profesian grupon, difektas nian reputacion. En opini-sondoj en Germanio ĵurnalistoj jam konsiderinde perdis fidindecon de l' publiko, dum la daŭro de jardekoj. Unu el la kialoj certe estas, ke – en Germanio, kaj supozeble ankaŭ en aliaj landoj – precipe pro kreskinta nombro de privataj, komercaj radiostacioj kaj tv-kanaloj oni dungas laŭeble malmultekostajn redaktorojn, do junajn, nespertajn, kiuj ofte havas nur rudimentan aŭ nenian trejnadon por sia profesio. Tiaj nematuraj homoj ofte pensas nur pri sia kariero, kaj pelataj de postuloj de financistoj ne sufiĉe zorgeme kontrolas kontribuaĵojn ofertitajn. Jen la granda ŝanco por trompistoj kaj falsistoj inter rivel-ĵurnalistoj!

Pro bona kaŭzo kaj prave tial ankaŭ TEĴA insistas pri trejnado de esperantistaj ĵurnalistoj. Ankaŭ en nia medio nespertaj kaj malzorgemaj gekolegoj grave povas damaĝi, kaj interne de l' Esperanto-movado kaj en ekstera informado.

Stefan MAUL

## ENHAVO

KOLOFONO

**Internacia Ĵurnalisto**

Organo de
Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio (TEĴA)
aperas 4foje jare
Redakcio: Stefan Maul, Pferseer Str. 15, D-86150 Augsburg, Germanio, ☎/fakso (49)821/520385
Redaktofino de tiu ĉi numero: 2 mar 96
Kopirajto ĉe Internacia Ĵurnalisto
Artikoloj signitaj prezentas la personan opinion de l' aŭtoroj kaj ne nepre kongruas kun la opinio de l' redakcio.
Administrado: Flandra Esperanto-Ligo (FEL), Frankrijklei 140, B-2000 Antwerpen, Belgio
Verantwoordelijke uitgever: Paul Peeraerts, Frankrijklei 140, B-2000 Antwerpen
Presata de Flandra Esperanto-Ligo sur mediprotekta papero.

ESTRARO DE TEĴA:
Prezidanto: Stefan MAUL, Pferseer Str. 15, D-86150 Augsburg, Germanio
Vicprezidanto: Paŭlo GUBBINS, 3 Arden Court, Mossley, Congleton, Cheshire CW12 3JH, Britio
Ĝenerala Sekretario: YAMASAKI Seikô, Higasi Koigakubo 3-18-12, Kokubunzi, JP-185 Tôkyô, Japanio
Kasisto: Paul PEERAERTS (adreso de FEL, vidu supre)
Estraranoj:
Aleksander KORĴENKOV, p. k. 162, RUS-620014 Jekaterinburg - 14, Ruslando
Dino FABRIS, Borgo Bassano 1, Box 49, I-35013 Citadella (PD), Italio

ARBITRACIA KOMISIONO:
István ERTL, Andrzej PETTYN, László SZILVASI
LABORKOMISIONO pri trejnado de ĵurnalistoj: Estro P. Gubbins (adreso supre)
LABORKOMISIONO de radioĵurnalistoj: Estro Andrzej PETTYN, Skrytka pocztowa 46, PL-05-822 Milanówek, Pollando

LANDAJ SEKCIOJ:
Bulgara TEĴA-sekcio: Mariana EVLOGIEVA, PK 18, Drushba-2, BG-1582 Sofia
Pola TEĴA-sekcio: Zofia BANET-FORNALOWA, ul. Bliska 12, PL-05-090 Raszyn
Ruslanda TEĴA-sekcio: Irina KIRINA, pk. 1833, RUS-625048 Tjumenj-48

Membrokotizo/abono: 30.00 germanaj markoj aŭ 21 usonaj dolaroj jare. Pagu al konto tejh-u ĉe FEL (adreso supre) aŭ al UEA-konto de TEĴA: ttmj-f

# Oficialaj komunikoj de la TEĴA-estraro

• **Laborplano.** En n-ro 4/95 de IĴ, konforme al la decido de l' membrokunveno de Tampereo, ni aperigis la aktualigitan laborplanon kun la atentigo, ke membroj povas postuli modifojn. Ĝis la indikita limdato (kiun ni plilongigis por eviti problemojn eventuale kaŭzitajn per poŝtaj problemoj) ne alvenis iuj reagoj.
Tial la estraro konfirmis la validecon de la nova teksto. Ni aperigas en tiu ĉi numero sur paĝo 15 la kompletan, aktualigitan laborplanon, kiu estas bazo por aktivado de nia asocio dum la venontaj jaroj. Ni petas, ke vi atente legu ĝin kaj pripensu, en kiu el la priskribitaj agokampoj vi eventuale povus mem aktiviĝi. Proponojn volonte akceptos la ĝenerala sekretario (adreso en la kolofono).

• **Membrokunveno.** La ĉi-jara membrokunveno dum la UK en Prago estos precipe laborkunsido, ĉar ne okazos elektoj kaj tial formalaĵoj estos malmultaj. Iumaniere TEĴA certe traktos ankaŭ la kongresan temon „Kulturo – valoro aŭ varo?“. Sed krome eblos trakti ian ajn temon prifakan. Volonte viajn sugestojn kaj proponojn – ankaŭ memproponojn por referaĵo – akceptas la ĝenerala sekretario aŭ ĉiu alia estrarano.

• **Trejnado.** Anokraŭfoje ni atentigas pri praktikaj ekzercoj por redaktoroj kaj verkantoj, kiujn TEĴA aranĝos dum la UK en Prago. Por anonci aŭ informi vin, bonvolu skribi al vicprezidanto P. Gubbins.

• **Vizit-programo.** Post la ne tre bonaj spertoj pro tro malmulta partopreno en la vizit-programo dum la UK en Tampereo, kaj krome ĉar en Prago kun membrokunveno kaj ekzercoj jam estas du ampleksaj programoj por estraranoj, ni ne planas ekstrajn vizitojn al interesaj institucioj en la ĉeĥa ĉefurbo.

## Ni serĉas docentojn por la perkoresponda kurso

La eĥo al lastatempaj anoncoj en diversaj E-gazetoj pri la perkoresponda kurso de TEĴA estas tiom granda, ke ni havas problemojn pri docentoj por akompani la kursanojn kaj priĵuĝi ties taskojn. Tial P. Gubbins urĝe petas tiujn gekolegojn, kiuj povas kaj volas helpi, anonci sin kiel docentojn ĉe li. Tiu ĉi tasko estas vere interesa kaj ne tre temporaba. Do, spertaj gekolegoj, ne hezitu!

---

# Neoficialaj komunikoj de aliaj

En via letero de la 7-a de novembro 1995 vi skribis rilate mian plendon pri la neapero de mia nomo kaj adreso ĉe la fino de la artikolo pri *Kloako* en IĴ 4/95: „... mi eble aperigos kompletige vian adreson, se estos spaco por tio en venonta numero.“
En IĴ 1/96 vi lamentis, ĉar vi estis forgesema, sed kial je la barbo de Beaufront vi ne plenumis la promeson faritan en novembro? Ŝajnas, ke en la redakcio de IĴ io ne estas en ordo malantaŭ la pordo. Ja estis spaco en IĴ 1/96 – dudek tri (23) linioj! Mi petas vin nepre aperigi en 2/96 la sekvan tekston:
La relanĉ-komitato de *Kloako* alvokas ĉiujn fuŝverkantojn kaj aŭtoraĉojn al kunlaboro. Ili ne sendu manuskriptojn nun sed per poŝtkarto informu pri siaj ebloj materiale kaj morale apogi la revuon, kaj menciu la ĝenrojn, pri kiuj ili estas plej kompetentaj, eventuale listigante titolojn de kelkaj verkoj, kiuj jam estas pretaj por publikigo.

Bernard GOLDEN
Prezidanto de la Relanĉ-komitato de *Kloako*
Damjanich u. 1/C. I. 8.
HU-8200 Veszprém
Hungario
Eŭropo

# Ĉu libereco por ĉiuj restos revo?

## Ne estas tre facile, esti ĵurnalisto en reform-ŝtatoj...

**Post la politikaj ŝanĝoj en 1989 ĵurnalistoj en Pollando opiniis, ke ŝtata perforto kontraŭ gazetaro definitive pasis. Sed nun tribunalo en Varsovio kondamnis ĵurnaliston pro publikigo de sekretaj aktoj el komunisma periodo. Ne nur en Pollando, ankaŭ en aliaj reform-ŝtatoj ĵurnalisma libereco evidente ankoraŭ ne estas garantiata.**

La verdikto en Varsovio trafis ĝuste komuniston: Jerzy Urban, iaman paroliston de l' komunista reĝimo kaj nunan ĉefredaktoron de satira revuo *Nie* (Ne). La puno estas ne nur unu jaro de malliberigo kondiĉe, sed krome malpermeso de profesia agado por unu jaro. La juĝistoj aplikis leĝon de 1982, kiun oni faris dum la milita stato por subpremi opozicion. Urban do iĝis viktimo de kontraŭĵurnalista leĝo, kiun tiutempe li defendis konsekvence. Post la politika ŝanĝo estis ĝuste li, kiu simile konsekvence sciis ekspluati la avantaĝojn de ĵurnalisma libereco.
Malgraŭ sia abomeno kontraŭ komunista propagandisto Urban, polaj ĵurnalistoj solidariĝis kun li. „Gazetara libereco signifas ankaŭ liberecon por aŭtoroj de tiaj artikoloj," skribis *Gazeta Wyborcza*, kaj eĉ dekstrega *Zycie Warszawy* protektis lin: „Ĉe tiu verdikto la tribunalo apogis sin je skandalaj restoj de komunista justico."

### Sekretoj kaj rivelado

Urban mem deklaris: „La aŭtoritatoj estas devigataj, gardi sekretojn. La tasko de ĵurnalistoj tamen konsistas en rivelado de tiuj sekretoj." Liaj gekolegoj de liberalaj kaj konservativaj komunikiloj rigardas la aferon tute same – ja ankaŭ ili publikigis, precipe en la afero pri spion-riproĉoj kontraŭ poste demisiinta ĉefministro Jozef Oleksy, sekretajn dokumentojn. Ankaŭ en tiuj okazoj jam enketas prokuroroj...
La situacio en aliaj ekssocialismaj ŝtatoj estas simila. En Ĉeĥio probable spite al protestoj de ĵurnalistoj realiĝos tre severa kaj restrikta leĝaro pri amaskomunikiloj. En Slovakio oni persekutas gazetojn eĉ pro uzo de hungaraj vortoj, post kiam la registaro oficialigis la slovakan kiel solan ŝtatan lingvon. En Kroatio prezidanto Franjo Tuĝman kaj lia kliko ĉiurimede batalas kontraŭ nekonformaj redakcioj, en Serbio same agadas prezidanto Slobodan Miloŝeviĉ. Lia registaro eĉ uzurpis sendependan televidon Studio B, subvenciitan de EU. Libereco ĵurnalisma apenaŭ ekzistas ankaŭ en Bulgario, Rumanio kaj Albanio.
La tendencon en Hungario priskribis Sándor Révész en n-ro 3/94 de IĴ („Miraĝo de senengaĝo", p. 3-4). Nun la katolikaj episkopoj akre kritikis la novajn leĝojn pri amaskomunikiloj. En la konsilio de radiofonio kaj televizio dominas politikaj reprezentantoj, tiel ke oni povas nomi ĝin „nepre ne sendependa", kritikis la episkopoj. Kurioze, religiaj tv-programoj troviĝas en sama kategorio kiel pornografiaj kaj perfort-gloraj elsendoj: ilin devas enkonduki averto. Eble nur bagatelo akcesora, sed ja simptoma kaj ĉiuokaze ne kongrua kun vera ĵurnalisma libereco.

> **El Universala Deklaracio de Homaj Rajtoj:**
>
> **Artikolo 12**
> Neniu suferu arbitrajn intervenojn en sian privatecon, familion, hejmon aŭ korespondadon, nek atakojn kontraŭ sia honoro aŭ reputacio. Ĉiu rajtas ricevi juran protekton kontraŭ tiaj intervenoj aŭ atakoj.
>
> **Artikolo 19**
> Ĉiu havas la rajton je libereco de opinio kaj esprimado; ĉi tiu rajto inkluzivas la liberecon havi opiniojn sen intervenoj de aliaj, kaj la rajton peti, ricevi kaj havigi informojn kaj ideojn per kiu ajn rimedo kaj senkonsidere pri la landlimoj.
>
> **Artikolo 28**
> Ĉiu havas rajton je socia kaj internacia organizo, en kiu la rajtoj kaj liberecoj difinitaj en ĉi tiu Deklaracio povas esti plene realigitaj.
>
> **Artikolo 29**
> (2) En la uzado de siaj rajtoj kaj liberecoj, ĉiu estu subigita sole al tiuj limigoj, kiuj estas jure difinitaj ekskluzive kun la celo certigi adekvatan rekonon kaj respekton por la rajtoj kaj liberecoj de aliaj kaj por konformiĝi al justaj postuloj de moralo, publika ordo kaj ĝenerala bonfarto en demokrata socio.

### Minacoj en Ruslando

Kaj kio okazas en Ruslando, la plej granda el la reformŝtatoj? Ke tie oni murdas ĵurnalistojn, ni scias, sed kio estas pri la oficiala libereco? Eksa aferŝarĝito de l' prezidanto pri homaj rajtoj kaj nuna deputito Sergej Kovaljov dum vizito ĉe Deutsche Welle (Germana Ondo, radiostacio por eksterlando), diris ke ĵurnalisma libereco estas minacata. „La televida informado en Ruslando ne plu estas libera," li diris. Restriktoj validas precipe por raportado pri la milito en Ĉeĉenio, trafas ne nur ŝtatajn elektronikajn komunikilojn sed ankaŭ privatajn, precipe popularan tv-stacion NTV.
Nur kelkajn tagojn poste, NTV en Moskvo mem plendis pro obstrukcoj fare de l' registaro. Parolisto de prezidanto Jelcin konfirmis, ke NTV plurfoje ne ricevis permeson filmi en Kremlo. La stacio informis, ke oni malpermesas filmi i. a., ĉar NTV elsendis intervjuon kun eksa gazetara parolisto de la prezidanto, Vjaĉeslav Kostikov,

kiu diris pri Jelcin, ke li ne estas demokrato. NTV-estro Oleg Dobrodjev diris, ke ne temas pri cenzuro, sed averto kontraŭ NTV, ke ĝi devos kalkuli pri „aliaj, pli konkretaj aferoj". La registaro plurfoje provis procesi kontraŭ NTV pro ties raportoj pri la rusa interna politiko, pri koruptado kaj Ĉeĉenio. Jelcin krome maldungis estron de l' dua ŝtata tv-kanalo, ĉar tiu raportis relative kritike.

Necesas eksterlandaj stacioj

Pro minacoj kontraŭ ĵurnalisma libereco en Ruslando, Kovaljov atentigis pri graveco de okcidentaj stacioj por eksterlandanoj. „Ĉiu politike interesita ruso aŭskultas eksterlandan stacion, por povi informi sin objektive," deklaris la deputito. Ĉu do ni revenas al la situacio kia ĝi estis dum la malvarma milito?

sm

KOMUNIKAD-SCIENCO

# Usonanojn interesas nur usonanoj

**Homaj tragedioj havas nepran prioritaton en interesoj de usonaj legantoj de gazetoj. Tion nun konfirmis longtempa studaĵo de esplor-instituto. Laŭ ĝi politiko enlanda kaj eksterlandaj aferoj tute ĝenerale absolute ne interesas usonanojn.**

Interesaj por ili do estas ekzemple eksplodo de spacpramo, tertremo en San-Francisko aŭ infano, kiu falis en puton. Sed ekzemple problemoj kaj klaĉoj pri l' brita reĝa familio rangas tute sube sur la skalo – ja estas homa tragedio, sed eksterlanda...

Times-Mirror-Centro por Popolo kaj Gazetaro de 1989 ĝis 1995 faris en tuta Usono 54 enketojn. Pli ol 75 000 personojn demandis la instituto pri iliaj interesoj rilate al 480 raportoj, registritaj en la datuma banko de l' instituto. Ĉ. duono de la demanditoj havis minimuman aŭ nenian intereson pri iu ajn el tiuj informoj.

„Ekzistas eminente multaj homoj, kiuj tute ne scias, kio okazas," klarigas Andrew Kohut, estro de la instituto. Raportoj pri eksterlando – escepte se temas pri usona implikiĝo aŭ usonaj soldatoj tie – absolute ne interesas, ankaŭ ne homaj skandaloj, mispaŝoj de eminentuloj aŭ britaj geedziĝoj en la reĝa familio. Le eksplodo de la milito en Jugoslavio estis unu el la plej malmulte atentitaj eventoj.

Jen kelkaj okazaĵoj el listo de temoj, kiuj plej multe interesis usonanojn:

- Eksplodo de spacopramo Challenger en 1986; informadon pri tiu evento sekvis 80 el cent demanditoj.
- Tertremo de San-Francisko en 1989 – 73 el cent.
- Proceso kaj verdikto pro mistraktado de nigrulo Rodney King fare de policanoj plus sekvintaj rasotumultoj en 1992 (70 el cent).
- Sorto de infano, kiu en 1987 kaptiĝis en puto en Teksaso (69 el cent).

Poste eĉ tiaj sensacioj kiaj estis bombatenco kontraŭ oficej-konstruaĵo en Oklahomo-Urbo (58 %) kaj la skandal-proceso kontraŭ O. J. Simpson (neniam pli ol 48 %) ne vekis grandan intereson. Ekonomiaj informoj, verdiktoj de l' plej supera tribunalo, problemoj de raso kaj sekso simile kiel gravaj sciencaj eventoj trovis intereson de malpli ol 30 el cent demanditoj, politikaj raportoj el Vaŝingtono interesas nur ĉiun kvaran. Kaj preskaŭ nulan atenton kaptas eventoj kaj konfliktoj eksterlande, se Usono ne ludas rolon en la afero. (ap)

TELEVIDO

# Tro multaj filmoj

Tro multaj filmoj malhelpas informadon en televido – jen resumo de diskutrondo pri milit-raportado aranĝita de partio Verduloj de universitato Kolonjo (Germanio). „Ni devus pli ofte rifuzi ofertitajn filmojn el milit-regionoj," postulis televizi-direktoro Thomas Roth,



kiu estis multajn jarojn eksterlanda tv-korespondanto. La raportoj de milit-reporteroj, kiuj rapidegas de unu konflikt-regiono al alia, ofte malhavas ĉian bazan kaj fonan informon, li kritikis. Tial spektanto ne povas kompreni la prezentitajn konfliktojn kaj reagas per angoro kaj senhelpeco. „Ili turnas sin for de la temo, forŝovas ĝin," diris Roth.

**Informoj senfonaj**

Kialon li vidis ankaŭ en plimultiĝo de aktualaj inform-elsendoj, kies bezonojn devas kontentigi la tv-korespondantoj. Aliflanke mankas pli ampleksaj programoj por raportaĵoj kaj analizoj. Aktualaj informoj ne iĝus malpli veraj, se oni ne aldonus al ĉiu konflikto filmon. Rupert Neudeck [Nojdek], dum multaj jaroj radioĵurnalisto kaj poste fondinto de help-organizaĵo Cap Anamur, pridubis ke ĵurnalistoj lernis el la manipuladoj dum la golfa milito. La skandalo ne estis – tiel li kritikis – ke Usono faris la militon reklam-spektaklo, sed ke la ĵurnalistoj senproteste kun-agadis. Roth konfirmis tion kaj diris, ke li hontis pri la propra televizio, kiam ĵurnalistoj en longa distanco de la militkampoj pozis en kontraŭkuglaj sekurveŝtoj antaŭ kameraoj.

Ambaŭ fakuloj postulis, ke tv-korespondantoj devus forlasi sian rutinon kaj pli multe mem reserĉadi ol transpreni oficiale prezentitajn informojn. Neudeck konstatis, ke tio kompreneble kostas tempon, „sed tiun ĉi prezon la malpaciencaj profesiuloj ne volas pagi".

GKP

GERMANIO

# Komunikiloj daŭre ŝatataj

**Germana BAT-Instituto por Esplorado de Libertempo, Hamburgo, de multaj jardekoj observas kaj analizas konduton de germanoj dum liberaj horoj kaj tempoj. Nun la instituto prezentis komparon pri tiaj kutimoj inter 1957 kaj 1995, do tempodaŭro de preskaŭ 40 jaroj. Nin, kompreneble, interesas precipe la rango de amaskomunikiloj.**

La tabelo montras la evoluon tiamaniere, ke oni listigas la ŝatokupojn sur la 5 unuaj rangoj. Klare, ke ni devas atenti la ĝeneralan, precipe socian kaj ekonomian situacion de l' koncernaj jaroj kaj periodoj; tiuj cirkonstancoj ja estis kaj estas specife germanaj. Tamen ni povas supozi, ke en aliaj eŭropaj landoj cirkonstancoj parte estis kaj certe nun estas similaj, kiom koncernas amaskomunikilojn.

Antaŭ 40 jaroj, germanoj suferis pro sekvoj de malvenko en terura mondmilito. Ili devis pene kaj streĉe labori, havis ankoraŭ ses labortagojn semajne – do por ŝatokupoj ne restis multaj liberaj horoj. Tiutempe multaj estis ankoraŭ avidaj informiĝi (kaj kleriĝi, post la nazia diktaturo subpreminta liberan kulturon), do la unuan rangon tenis legado de gazetoj, precipe ĵurnaloj. En la sesdekaj jaroj, kiam furoris la tiel nomita „germana ekonomia miraklo“, la homoj estis ankaŭ tre kulturemaj, kiel montras la rangoj de l' jaro 1963, kiam – iom surprize – gazetaro ne troviĝas sur unu el la kvin unuaj pozicioj (sed aperis ja televido, por la unua fojo). Krome germanoj, kun kreskanta prospero, generis denove pli multajn infanojn; sekve ankaŭ familio (kaj amikoj) estis gravaj.

### Gazetaro tenas sian rangon

Antaŭ 20 jaroj, en 1975, Germanio solidiĝis ekonomie, la homoj grandparte fartis jam tre bone aŭ eĉ estis jam riĉaj – evoluo, kiu kontinuis ĝis hodiaŭ. Interese, ke tiutempe denove gazetaro ekhavis la unan rangon; suprize la duan ekprenis radiofonio, kies renesanco – ankaŭ pro teknikaj progresoj – komenciĝis tiam. Sed evidente televido akiris pli kaj pli grandan porcion de libera tempo kaj jam de dek jaroj rangas unualoke. Tamen, la aliaj amaskomunikiloj ne falis sur la skalo, sed ĉiuj tri informrimedoj – televido, gazetaro kaj radio – daŭre okupas la tri unuajn rangojn.

Do, germanaj ĵurnalistoj povas esti kontentaj. Certe, televido havas la unuan rangon sendube ne precipe pro ĵurnalista informado sed pro distraj programoj, sed ja gazetaro, kiu malpli distras ol informadas, konstante tenas la duan rangon. Radiofonio, krome, estas evidente nun akceptita kiel kompletiga amas-komunikilo, kiu kaj informas kaj distras. Stefan MAUL

RIVEL-ĴURNALISMO

# Trompuloj kaj trompitoj

**Eble vi memoras pri la granda skandalo, kiun estigis kaj suferis germana magazino *stern* pro pompa publikigo de taglibroj de Adolf Hitler, kiuj pruviĝis trompaj kaj falsaj. Nun denove skandaliĝis la marko *stern*, ĉi-foje pro trompaj kontribuaĵoj de televida magazino „stern-tv“.**

Tiu ĉi tv-magazino estas elsendata en plej granda privata televizio ger-

**Komparo de ŝatokupoj de germanoj**

| | 1957 | 1963 | 1975 | 1986 | 1995 |
|---|---|---|---|---|---|
| 1. | | | | | |
| 2. | | | | | |
| 3. | | | | | |
| 4. | | | | | |
| 5. | | | | | |

mana, RTL (Kolonjo). Kaj ne estas konsolo por „stern-tv“, ke ĝi troviĝas en malbona societo, ĉar la sama tv-ĵurnalisto trompis ankaŭ la kanalojn PRO 7, la magazinon „S-Zett“ (de renoma ĵurnalo *Süddeutsche Zeitung*) en VOX, kaj eĉ publik-juran (duonŝtatan) MDR kaj svisan televizion DRS. Entute la trompisto Michael Born, laŭ la kompetenta prokuroro, falsis kaj vendis pli ol 30 kontribuaĵojn. Li intertempe estas arestita kaj atendas sian proceson.

**Nur kondensita lakto**

Sed plej terure Born damaĝis „stern-tv“ per probable dekunu trompaj kontribuaĵoj. Jen kelkaj ekzemploj: La onidire ebriiga sekrecio de iu bufospecio estis simpla kondensita lakto. Ordinarajn azilpetantojn Born deklaris kiel bomboproduktantajn membrojn de (en Germanio malpermesita) kurda organizaĵo PKK. En raportaĵo, per kiu Born volis pruvi ke germanaj (profesiaj) ĉasistoj/forstistoj mortigas vagabondajn katojn, li simple prenis katon el best-azilo kaj mortpafis ĝin.

Ĉefredaktoro de „stern-tv“, Andreas Zaik, aŭdace kaj trankvile refutis la kritikon: „Ni ne timas tiun ĉi aferon – ni estas ja la trompitoj, ne la trompistoj.“ Sed Hermann Meyn [Majn], estro de l' Germana Ĵurnalista Ligo, havas alian opinion. Laŭ li televiziaj organizaĵoj konsiderinde kunkulpas pri la falsaĵoj. Precipe la kreskanta konkurenca batalo pri sensaciaj temoj estigas tiajn skandalojn. Riska estas inklino de redakcioj, „pli rapide enigi en la programojn aferojn, kiujn aliaj kanaloj povus havi pli frue“.

Komence privataj tv-kanaloj en Germanio precipe koncentriĝis je distraj programoj. Sed intertempe oni malkovris ankaŭ la rivel-ĵurnalismon, do ĉasas sensaciojn en la informa sekcio; ju pli ekskluziva des pli bona estas raportaĵo. La advokato de l' arestita falsisto Born klarigas la situacion tiel: „Ĉe serioze reserĉitaj kontribuaĵoj oni atendas certan spektaklecon, ĉar eble la bildoj ne disponas pri plastikeco.“ Rivel-karakteraj raportoj garantias altajn enŝaltokvotojn; Born liveris tion, kion oni postulis – vero ne gravis. De l' kvotoj dependas, kiom da reklamoj la komercaj kanaloj povas akiri, ja reklamoj sole alportas enspezojn al privataj televizioj.

**Sovaĝaj moroj**

Klaus Bednarz, estro de informmagazino de l' unua (duonŝtata) tv-kanalo ARD, kiu mem unu fojon fidis al trompaĵo de Born, plendas: „La ĵurnalistaj moroj iĝis tiom sovaĝaj, ke oni preskaŭ hontas aparteni al tiu ĉi profesia grupo.“

La estro de l' kontrol-komisiono de privataj tv-kanaloj uzis pli akrajn vortojn, parolante pri „krimeco de komunikiloj“. Krome li starigis demandon pri ĵurnalista kapablo: „Falsaĵoj trovas lokon tie, kie ofertoj trafas al tro malforte elformita ĵurnalista komptenteco.“ Komercaj televizioj volas akiri laŭeble grandan profiton per laŭeble maltalta kosto; do oni ne dungas spertajn ĵurnalistojn sed junajn – gravas nur, ke ili havu la necesan aplombon por prezenti sin atentokapte sur ekrano. Pri profesia kvalifiko kaj kapablo, prijuĝi ofertitajn kontribuaĵojn, oni ne cerbumas. rh

---

JUSTICO

# Milit-incita ĵurnalismo

**Pasintan semajnon la ĉefa akuzanto de Internacia Tribunalo en Hago, Richard Goldstone [Riĉard Goldstoŭn], deklaris ke lia tribunalo enketas ankaŭ pri ĵurnalistoj respondecaj pri milit-krimoj en eksa Jugoslavio. Goldstone diris ke li ne akuzas ĵurnalistojn pli ol psiĥiatrojn. „Se iu uzis amaskomunikilojn krimmaniere, ni akuzos lin,“ deklaris la aŭstralia juristo.**

Misuzo de amaskomunikiloj en eksa Jugoslavio transiris ĉion kion George Orwell [Ĝorĝ Orŭel] povis imagi. La malamo, kiu ondumis

# Ĉu ĝis reaŭdo, Sarajevo?

Ekde la nova jaro 1996 Radio Bosnio-Hercegovino adoptis novan program-skemon, kiu ne antaŭvidis la elsendon de „Esperanto el Sarajevo“. Fakte, post subskribo de la pac-kontrakto pri Bosnio, Radio Sarajevo revenis normalan antaŭmilitan program-skemon. Pluraj dum la milito novenkondukitaj parolaj programoj estas nun ĉesigitaj.

Momente Radio Bosnio-Hercegovino disponas nur unu mezondan elsendan frekvencon. Ĝi planas establi novan kurt-ondan frekvencon, en kiu Esperantolingva programo denove havos ŝancon disaŭdiĝi.

Kiam oni lanĉis la elsendon „Esperanto el Sarajevo“, ni emfazis ke temas pri eksperimenta programo. Post 17-monata sperto kaj ĉirkaŭ 900 minutoj de elsendita parola programo, la program-konsilio de Radio Bosnio-Hercegovino pritaksis la elsendon tre pozitive.

Nia programo estis tre favore akceptita de tutmonda esperantistaro. Ni kore dankas pro amasa kaj amika subteno per leteroj, telefaksoj kaj diversaj aliaj mesaĝoj al nia agado. Apartan dankon al pluraj gesinjoroj, kiuj materie helpis nin. En ege malfacilaj militaj kondiĉoj, tro ofte viv-danĝeraj, tio nutris nian entuziasmon kaj instigis nin elteni ĝis fino de la eblecoj.

Por esprimi malkontenton pri ĉesigo de la Esperant-lingva elsendo aŭ proponi reenkondukon utilus per letero aŭ poŝtkarto skribi al la ĝenerala direktoro:

S-rino Amila Omersoftić
Radio-Televizija BiH
str. Meše Selimovića 4
BOH-71000 Sarajevo
Bosnio-Hercegovino
telefakso +38771-464-071

Ĝis la reaŭdo!
Redakcio de la elsendo
„Esperanto el Sarajevo“

tra televidaj ekranoj, radiaj programoj kaj gazetaj paĝoj, surterene aktivigis pafrisorton de armilo kaj puŝis manon al tranĉil-tenilo. Mi konas kolegojn kiuj, konsternitaj kaj disrevigitaj, por ĉiam forlasis ĵurnalismon.

**Revivigo de mitoj**

La milit-incita ĵurnalismo ne estas specialaĵo de eksa Jugoslavio. Genocido en Ruando komenciĝis je ondoj de iu radio-stacio. Ekstremistoj de la Hutu-tribo per radio-stacio alvokis mortigi anojn de la Tuci-tribo kaj pulikigadis nomojn kaj adresojn de la viktimoj. En eksa Jugoslavio la aferoj plisimpliĝis. Anstataŭ nomojn de homoj, kiujn oni devas mortigi, ili metis sur la mortliston tutajn popolojn.
En komunikila propagando ĉio estis miksita. Pri krimoj, kiuj okazis antaŭ 100 aŭ 150 jaroj, oni parolas kvazaŭ okazis hieraŭ. Tutajn popolojn oni akuzas, oni vekis malnovajn malamojn, vivigis mitojn, elboteligis demonojn. Elstaris pri misuzo de komunikiloj serbaj naciistoj ambaŭflanke de la rivero Drina, utiligante ĉiujn rimedojn por krei grandan Serbion.

**Necesas sendependeco**

Organizaĵoj, kiuj batalas por homaj rajtoj, konsideras ke la plej bona recepto kontraŭ misuzo de amaskomunikiloj estas, subteni sendependajn informilojn. Unio de sendependaj profesiaj ĵurnalistoj de Bosnio-Hercegovino iniciatis kreon de aparta organo kiu esploros rolon de ĵurnalistoj en diskonigo de maltoleremo, rasa kaj nacia malamo en eksa Jugoslavio. Milito en Balkanio ne finiĝos, se iu el ili ne sidiĝos sur akuzobenko en Hago. Tiun ĉi ideon akceptis ankaŭ kongreso de Internacia Ĵurnalisma Federacio.
Neniu scias, kia aspektos Bosnio post packonferenco en Dayton [Dejton]. Sed iu larĝvida kaj prudenta metis en la pac-pakaĵon iun el la „saĝaj bomboj" kun tempa fuzeo, kiu nomiĝas liberaj kaj sendependaj amaskomunikiloj. Iun tagon ĝi povas fundamente skui totalismajn naciajn ŝtatetojn, kiujn naciismaj elitoj volas krei sur bosnia teritorio.
Zoran PIROLIĈ, ĵurnalisto de ĵurnalo *Oslobodjenje*
[adaptita laŭ radio-elsendo de „Esperanto el Sarajevo" de 16 nov 95]

KANADO

# Fino de radio internacia

**Kanado povus perdi sian internacian radioservon: Se la kanada federacia registaro ne trovos solvon, Radio Kanada Internacia (RCI) devos fermi siajn antenojn post la 31a de marto. Tiel Kanado estus la sola el la tiel nomataj G 7-landoj (grandegaj 7 = plej industrihavaj landoj) sen radioservo direktata al eksterlando.**

Dum la jaro 1995 la kanada federacia registaro decidis, ke RCI ne plu ricevu sian buĝeton el la ministerio pri eksterlandaj aferoj, sed ke la Kanada Radia kaj Televizia Societo (CBC) devos financi RCI. Samtempe la registaro fortondis kvar procentojn de la buĝeto de CBC. En lasta decembro la prezidanto de CBC klarigis, ke CBC ne kapablos daŭrigi la financadon de RCI, kaj ke sekve RCI devos esti fermata post la fino de la buĝeta jaro, t. e. la 31a de marto 1996. La ministro pri eksterlandaj aferoj, André Ouellet, deklaris, ke lia ministerio ne povus savi RCI. La ministro esprimis sian opinion, ke la signifo de mallongonda radio malkreskas, kaj li proponis al la aŭskultantoj de RCI, ke ili uzu novspecajn komunikilojn por informiĝi pri Kanado, ekzemple satelitan televidon aŭ la komputilan inter-reton.

**Kontinua kreskado**

Malgraŭ tiu deklaro de André Ouellet, la nombro de aŭskultantoj de mallongondaj radioprogramoj daŭre kreskas: Laŭ brita radio BBC 118 milionoj da homoj semajne uzis mallongondan radion dum 1995 (100 milionoj dum 1981 kaj 110 milionoj dum 1992), kaj same la vendonombro de mallongondaj radio-aparatoj jare kreskas. Pli ol



150 landoj de la mondo produktas radioprogramojn al eksterlando, multaj el ili estas ege pli malgrandaj aŭ malriĉaj ol Kanado.
Denove laŭ BBC, RCI havas tri milionojn da aŭskultantoj semajne, ĝi estas do la sepe plej sukcesa mallongonda radiostacio post BBC kaj la stacioj de Usono, Germanio, Francio, Ĉinio kaj Japanio. RCI dis-aŭdigas per mallongaj ondoj kaj per satelito en ok diversaj lingvoj, t. e. la angla, araba, ĉina, franca, hispana, kreola, rusa kaj ukraina. Ĝia jara buĝeto tamen estas relative modesta kompare al aliaj stacioj kun same granda programservo, ekz. Svisa Radio Internacia.

**Ĝenerala tendenco?**

Malgraŭ la granda sukceso de mallongonda radio flanke de la aŭskultantoj, la situacio de la kanada internacia radio ŝajnas esti tipa por ĝenerala tendenco. La Voĉo de Usono ĉesis siajn dissendigojn al Eŭropo ek de aŭtuno 1995, la Voĉo de Germanio mallongigis siajn programojn en la franca kaj aliaj lingvoj kaj forigis la programojn en la magreba. Multaj registaroj senkulpigas sin per deklaroj, ke la malfacila buĝeta situacio ne plu permesas financadon de internacia radio, kaj ke la fino de la malvarma milito nuligis ĝian neceson, ĉar informoj nun libere transpaŝas landlimojn eĉ sen helpo de mallongaj ondoj.
Por batali kontraŭ tiu tendenco, la teamo de RCI petas ĉiujn subtenantojn skribi al la kanda ministroprezidanto por protesti kontraŭ ĝian mutigon. La adreso:
Prime Minister Jean Chrétien
Ottawa / Ontario
Kanado K1A 0A6
fakso: +613 / 957-555
Same eblas sendi la leterojn al iu kanada ambasado.
Thomas KOLB

# Sveda E-gazetaro estas centjara

## En 1896 en Upsalo aperis *Lingvo Internacia*, dua Esperanto-gazeto de l' mondo

**La sveda esperanto-gazetaro estas centjara. En januaro 1896 aperis en Upsalo la unua regula numero de *Lingvo Internacia*, la dua esperantogazeto de la mondo.**

Jam en decembro 1895 Klubo Esperantista de Upsalo aperigis provnumeron de *Lingvo Internacia*. Ĝi estis 16-paĝa, nur iom pli granda ol la nuna formato A5. En la provnumero la redakcio deklaras, ke „la celo de nia gazeto estas vastigado kaj prilaborado de la lingvo internacia Esperanto".
En la sama artikolo ili ankaŭ donas la celon de la lingvo: „Lingvo internacia apartenas al nenia nacio. Ne ekzistas popolo, kiu konstante parolas ĝin, ne ekzistas regno, en kies limoj ĝi estas konstante uzata, ne ekzistas homo, kiu povas nomi ĝin lingvo parenca. Nia lingvo aperas tie, kie oni sentas bezonon je ĝi, kaj kiam malaperas la bezono, malaperas ankaŭ la lingvo. Nia lingvo estas lingvo tute neŭtrala, ilo de interkomunikiĝo por ĉiuj, kaj la historio de nenia popolo restigis en ĝi postsignojn. Scienculo kaj komercisto, turisto kaj literaturisto, maljunulo kaj junulo – ĉiuj ĝin uzas, por ĉiuj ĝi servas egale, kiam ili havas bezonon korespondi aŭ paroli kun homoj de aliaj gentoj."
Estis tre kuraĝa ago en 1896 aperigi monatan gazeton en esperanto. Meze de 1895 ĉesis aperi *La Esperantisto*, la unua kaj tiam sola esperanto-gazeto. La malforta, neorganizita movado restis sen organo. La klubo de Upsalo ne estis speciale granda kaj ĝi konsistis parte el studentoj. Sed ĉe ili ekzistis sufiĉa entuziasmo por surpreni tiun riskon.

**Manuskriptoj migradis**

La ĉefmotoroj de tiu projekto estis Valdemar Langlet en Upsalo kaj Vladimir Gernet en Odeso, kiu financigis la projekton. Gernet estis ĥemi-inĝeniero en vinberinstituto apud Odeso. El la du li estis, almenaŭ komence, la lingve pli sperta, tial ĉiuj manuskriptoj migris de Upsalo al Odeso kaj reen, kun la rezulto, ke ofte la numeroj malfruiĝis aŭ ke leteroj malaperis. Aliajn fojojn profesiaj zorgoj devigis lin flankenmeti la temporaban laboron por esperanto.
Valdemar Langlet estis tiu, kiu havis la ĉefan taskon pri la gazeto en Upsalo. Li estis unu el la fondintoj de la Upsala klubo kaj fariĝis pli poste la unua prezidanto de SEF (aŭ Sveda Esperanto-Societo, kiel estis ĝia origina nomo). Tre frue li utiligis esperanton en siaj vojaĝoj kaj skribis pri siaj spertoj tiurilataj, kaj en *Lingvo Internacia* kaj en apartaj eldonaĵoj. Ĉar liaj vojaĝoj ofte daŭris dum monatoj, aliaj devis prizorgi la gazeton dum lia foresto. Plej ofte tio estis Paul Nylen, kiu per informo en la decembra numero de 1897 ankaŭ formale fariĝis la redaktoro de la gazeto.

**Internacia gazeto**

*Lingvo Internacia* estis vere internacia gazeto. Ĝi aperis en Svedio, sed havis plej multajn legantojn ekster la lando. Ni tre bone scias, kiuj abonis ĝin dum la unuaj tri jaroj, ĉar la gazeto aperigis listojn de abonantoj. Plej multaj estis en tiama Ruslando (al kiu ankaŭ Pollando tiam kalkuliĝis), sed ekzempleroj de la gazeto atingis ankaŭ multajn aliajn eŭropajn landojn.
Malmultaj ekzempleroj iris ekster Eŭropon; ni trovis tamen adresojn de abonantoj en Brazilo, Japanio, Kanado, Nova Kaledonio, Sudafriko, Tunizio, Usono. Nur unuopaj, sed ke la scio pri tute nova lingvoprojekto kaj ĝia sola gazeto jam havis interesitojn en aliaj mondpartoj, estas mirinde. Pripensu, ke ankoraŭ ne ekzistis radio (ĝi estas invento de 1895), nek aviadiloj.
Pro tiuj listoj ni scias, ke nur ĉirkaŭ 500 ekzempleroj de la gazeto estis distribuataj al abonantoj (517 en 1896, 526 en 1897, 486 en 1998; por 1899, la lasta jaro de la „sveda eldonperiodo", mankas informoj). Sed ni scias, ke pli da ekzempleroj estis presataj kaj ke multaj el ili estis dissendataj senpage reklamcele. Por la jaro 1897 ekzistas detala listo farita de Valdemar Langlet, laŭ kiu ni ekscias, ke estis normale presitaj 1200 ekzempleroj, krom de numero 2, kiu presiĝis en 2000. Laŭ la samaj notoj estis pagitaj al la presejo 250 kronoj la 1an de julio kaj 180 + 430 kronoj la 30an de decembro. Tio ne estis pago por ĉiuj numeroj de 1897, ĉar numero 12 estis presita nur la 8an de februaro 1898.

**Neregula aperritmo**

La aperritmo estis iom neregula. Du numeroj (1 kaj 2) estis presitaj en februaro, n-ro 3 la 20an de marto, n-ro 4 jam la 5an de aprilo, la 12an de majo aperis n-ro 5, la duobla numero 6-7 la 22an de julio – tute akurate dum duonjaro, sed post tio la aperritmo ŝanĝiĝis. Nur la 21an de oktobro aperis numeroj 8-9, la 18an de decembro n-ro 10 kaj la 28an de la sama monato n-ro 11.
Ĉu la malregula aperritmo dum la dua duonjaro estis kaŭzita de malregula poŝta servo aŭ de nepagitaj fakturoj, tion ni ne povas ekscii de tiu manuskripto de Langlet. Sed ni povas konkludi, ke la entrepreno ne estus vivopova sen financa helpo de kelkaj individuoj: unuavice Vladimir Gernet, sed ankaŭ aliaj, kiuj ebligis ke, ekzemple, la unua jarkolekto ampleksis 236 paĝojn anstataŭ la promesitajn 192. Kaj kiam la ekonomio de Gernet fine de 1898 ne plu permesis, ke li pagu la preskostojn, la gazeto eniris krizon. La unua numero de 1899 aperis nur la 25an de julio. Tamen aperis 12 numeroj dum la jaro, kelkfoje je semajna interspaco, sed nur 8-paĝaj. La gazeto survojis al certa morto, sed aperis subite savinto, hungara presisto Paŭlo de Lengyel, kiu certigis la pluan aperadon de la gazeto. Paul Nylen estis

daŭre ĝia redaktoro, sed finiĝis la upsala periodo.

**Pri kio ĝi skribis?**

Karl Söderberg, kiu skribis historion de la esperanto-movado en Upsalo (La Esperanto-movado de Uppsala, 1981), skribas jene pri la enhavo de *Lingvo Internacia*:
„La enhavo de la gazeto estis tre varia. La redakcio regule prezentis koncizajn artikolojn pri aktualaĵoj, kaj ofte aperis raportoj de eksterlandaj esperantistoj, ekzemple de Louis de Beaufront en Francujo kaj Ludoviko Zamenhof. Tutpaĝa artikolo en la «prova numero» havis la rubrikon «Iom pri la universitato en Upsala». Ĉiu numero enhavis novaĵojn pri la esperanto-movado (konferencoj, ekspozicioj, vojaĝoj), recenzojn de novaperintaj libroj, nekrologojn ktp. Rakontoj kaj poemoj – originalaj aŭ tradukitaj – okupas certan spacon en ĉiu kajero. Kelkfoje gramatikaj kaj aliaj lingvaj problemoj estis diskutataj, kaj ankaŭ estis prezentataj prijuĝoj pri esperanto de eminentuloj, ekz. la sveda majoro Claes Adelsköld (kiu komponis la unuan muzikon al la himno «La Espero» 1891 kaj malavare subvenciis la libroeldonadon de la klubo). La anoncoj temis ĉefe pri esperantaj gazetaro, literaturo kaj korespondado."

**Signifo por Svedio**

La esperantomovado dum tiuj jaroj estis apenaŭ ekzistanta, kaj en Svedio kaj en la mondo. La sola sveda klubo estis tiu de Upsalo, sed en la paĝoj de la gazeto ni trovas plurajn alvokojn renkontiĝi kaj fondi klubojn en diversaj partoj de la lando. Sen *Lingvo Internacia* la sveda movado verŝajne pli malrapide kreskus en tiu frua periodo. La ebleco aperigi ion en esperanto tre frue instigis la svedajn esperantistojn traduki kaj verki mem. Apud diversaj ruslandaj kontribuaĵoj la svedaj estas plej abundaj.

La apero de *Lingvo Internacia*, kie L. L. Zamenhof estis nura kunlaboranto, eĉ ne tre ofta, estis ankaŭ pruvo pri la maturiĝo de la lingvo, ne plu dependa de sia iniciatinto. La lingvo en ĝi estas, ek de la provnumero, flua kaj korekta eĉ laŭ hodiaŭaj normoj.
Franko LUIN

---

*Jam en 16a jarcento havis mondvastan inform-reton: fratoj Octavian 2a (maldekstre) kaj grafo Philipp Eduard Fuger, patricioj en Aŭgsburgo.*





HISTORIO

# La unua inform-agentejo de l' mondo

Augsburg, urbo pli ol dumiljara en suda Germanio, fine de l' mezepoko estis fama pro pluraj kialoj, i. a. pro komerca asocio de patricioj Fugger [Fuger]. Tiuj riĉuloj estis financistoj de multaj kortegoj kaj havis imponan, tiutempe unikan komercan reton preskaŭ tutmondan. Sed eĉ pli: tiu komerca asocio (moderne oni dirus kompanio aŭ holdingo) kvazaŭ inventis inform-agentejon.
La principo de agentoj tiutempe jam estis konata; krom Fugger havis tiajn reprezentantojn dise en la mondo ankaŭ la doĝo de Venecio (Italio), sed li uzis iliajn servojn ekskluzive por propra informiĝo. Tio komence ankaŭ estis la intereso de Fugger, ĉar por bone kaj profite negocadi oni devis esti bone informita pri eventoj tutmonde. Sed en Aŭgsburgo estiĝis iom antaŭ la jaro 1500 la ideo, ne nur kolekti por si mem informojn sed ankaŭ distribui ilin.
Komence oni plusendis la novaĵojn nur al personoj, kiuj estis gravaj por la komerca asocio. Sed baldaŭ oni povis aboni la inform-servon; klientoj ĉ. la jaro 1500 pagis 25 guldenojn por unu jaro. Tiam oni nomis la servon „Fuggerzeitung", t. e. Fugger-gazeto; la germana vorto Zeitung origine signifis „informo, mesaĝo" kaj nur poste tiu ĉi nomo transiris al la rimedo mem en la nuna signifo de gazeto.

**Per rajdantaj kurieroj**

La principo estis sama kiel tiu de

hodiaŭa inform-agentejo: la agentoj sendis novaĵojn al la centralo en Aŭgsburgo; tie oni ordigis ilin kaj skribistoj mane multobligis la Fugger-gazeton; fine kurieroj transportis ilin al la klientoj. La fidindeco kaj rapideco de l' Fugger-gazetoj estis alte taksata kaj fama. Per stafeto de rajdantaj kurieroj ili bezonis ekzemple de Aŭgsburgo ĝis Venecio nur kvin tagojn, ekspreskurieroj (kiuj rajdis ankaŭ nokte) eĉ pli ol unu tagon malpli. Pri aktualeco kaj precizeco de l' informoj oni povas miri ankoraŭ hodiaŭ.

**Kiel eviti cenzuron**

En arkivoj ni trovas raportojn pri ekzekuto de grafo Egmont en Nederlando, pri morto de hispana infanto Don Carlos, pri kruelaĵoj en Ruslando (tiam nomita „Moskvujo") kaj eĉ sensacian, detalan raporton de ĉeestanto pri ekzekuto de skota reĝino Maria Stuart. Cetere, Fugger-gazetoj aperis ankaŭ post invento de presarto en Eŭropo, ĝis la 18a jarcento, ĉar per manskribaĵoj oni povis eviti la cenzuron, kiu validis por ĉio presita.
Ekzemple por *Allgemeine Zeitung* (Ĝenerala Gazeto) de eldonisto Cotta [Kota], fondita en 1798. Ĝi estas ege grava por la historio de gazetaro en Eŭropo. Per prudenta taktiko de ĝiaj redaktoroj kaj lerta aktivado de l' eldonejo, ĝi sukcesis spite al militoj de Napoleono kaj politiko de Metternich [Meterniĥ] fariĝi la plej multe legata germanlingva gazeto en Eŭropo, kun eldonkvanto de 10 000 komence de l' 19a jarcento. Inter la korespondantoj de tiu eminenta periodaĵo estis ankaŭ eminentaj verkistoj, ekzemple Heinrich Heine [Hajnriĥ Hajne] en Parizo.
Post la dua mondmilito, oni reprenis la tradicion kaj nove fondis *Augsburger Allgemeine Zeitung*. Cetere, en Aŭgsburgo troviĝas ankaŭ aliaj por gazetaro gravaj entreprenoj, ekzemple la plej granda germana paper-fabriko (Haindl) kaj fama, de Diesel fondita fabriko MAN, kiu ĝis hodiaŭ produktas ne nur gigantajn dizelajn ŝipmotorojn sed ankaŭ altkvalitajn rotaciajn presmaŝinojn. Stefan MAUL



Senato de AIS (supre)
En la lekcia salono (sube)

E-GAZETARO

## Ambicia kaj luksa revuo

**Eksa Sovetio nun ŝajnas esti fekunda tereno por generi novajn gazetojn kaj revuojn. Jen atingis nin unua numero de *Scienco kaj Kulturo*, eldonata de Eŭropa Jura Universitato Justo (EJU).**

La kombino de temaro scienca kaj kultura estas klarigata en enkonduka mesaĝo al legantoj, kun demando ĉu eblas scienco sen kulturo? En tiu ĉi unua numero en la sekcio kultura aperas tradukitaj poemoj kaj novelo kaj artikolo/recenzo pri Esperanto-poeto Ivan Naumov; tiuj kontribuaĵoj okupas 19 paĝojn el 48, la aliajn paĝojn kvin sciencaj artikoloj. Ties temoj estas juraj (3), esperantologia kaj kibernetika; du artikoloj ne estas kompletaj, do daŭrigotaj en postaj numeroj. Unu el la prijuraj artikoloj priskribas la nomitan universitaton EJU. Implektita estas evidente ankaŭ Akademio Internacia de la Sciencoj San Marino (AIS), kies Orient-Eŭropa Sekcio estas indikita kiel kunfondinto de la revuo.
Interesa por ĵurnalistoj, cetere, estas artikolo pri rasistaj kaj faŝistaj grupoj en Ruslando, kies propagandajn gazetojn laŭ la aŭtoro apenaŭ persekutas prokuroroj kaj kondamnas juĝistoj, argumentante ke „oni ne rajtas persekuti homojn pro konvinkoj".
Respondeca redaktoro estas Vladimir Samodaj, profesia ĵurnalisto, kunfondinto de SEJM (Sovetia Esperantista Junulara Movado); redaktoro de la scienca fako estas Viktor Aroloviĉ, iama prezidanto de SEJM kaj redaktoro de ties informilo *Aktuale*. En redakta kolegio troviĝas du rusaj kaj du ukrainaj sciencistoj, krome György Nanovfszky, hungara ambasadoro en Ruslando.
Kovrilo de l' revuo en formato A5 estas el plasto, kun kvarkoloraj fotoj. Interne jen kaj jen aperas desegaĵoj; ĉiujn artikolojn ornamas portretoj de l' aŭtoroj. La dumonata revuo kostas kun sendokosto 24 usonajn dolarojn jare. Oni petas pagi al UEA-konto gmsi kaj samtempe informi pri la pago je la adreso: Scienco kaj Kulturo, Varŝavskoje ŝosse, 93-a, of. 1405, RUS- 113105 Moskvo (telefono/fakso 095/1113271).


Vladimir SAMODAJ
*respondeca redaktoro*


Viktor AROLOVIĈ
*redaktoro de la scienca fako*

LANDA SEKCIO

## Ruslandaj aktivaĵoj

Kadre de la tjumena kongreso (okt. 1995) okazis kunveno pri informado, kiu sekvis tiujn en Niĵnij Novgorod (nov 1994) kaj Jekaterinburg (apr. 1995). La kunvenintoj refoje konstatis definitivan eksmodiĝon de la malnovaj informiloj pri esperanto en rusa lingvo kaj mankon de financo por produktado de la novaj.
Sed la laboro estas efektivigata. En *Ruslanda Esperantisto* aperis ciklo de artikoloj „Ĉu ni informas senerare?". Kelkaj membroj de la

Ruslanda Sekcio de TEĴA kunpreparis ruslingvan version de la Dosiero por ĵurnalistoj de Stefan Maul, kiu nun estas finpolurata, estas ricevitaj kelkaj interesaj materialoj el Norvegio kaj Italio. La neformala laborgrupo (ties konsisto ne estas fiksita) petis al Halina Gorecka laŭeble pretigi ruslingvan varb-numeron de *Ruslanda Esperantisto*. Nikolao Gudskov daŭre laboras pri informa broŝureto pri esperanto.
La sekvaj kunvenoj pri la informaj problemoj probable okazos en la printempa UER (Jekaterinburg) kaj la landa kongreso (Moskvo, 1997).
Aleksander KORĴENKOV

RELIGIO

# Patrono de ĵurnalistoj

Laŭ katolika tradicio ankaŭ ĵurnalistoj havas sian patronon, sanktan Franciskon de Sales (21 aŭg 1567 - 28 dec 1622). Li studis teologion kaj juron en Parizo en 1582 - 1588. Tiutempe estis disvastigata kalvinismo, sed Francisko restis fidela al katolika doktrino. Li daŭrigis studadon en Padovo (Italio) kaj doktoriĝis en juro. En 1594 li fariĝis pastro kaj laboris inter kalvinistoj apud Lago de Ĝenevo (Svislando), provante revenigi ilin al katolikismo. En 1602 li fariĝis epsikopo de Ĝenevo.

**Fekunda predikisto kaj verkisto**

Ligis lin spirita amikeco kun Jeanne-Françoise de Chantal, al kiu li direktis nombrajn leterojn. Kun ŝi li fondis ordenon de Salesianinoj. Predikante bonege kaj per siaj leteroj li forte efikis je kultura kaj religia atmosfero de tiu tempo. Plej konata lia verko estas *Filotea kaj Teotimo*.
Li estis proklamita beatulo en 1661, sanktulo en 1665 kaj „eklezia doktoro" en 1877. Festotago de l' patrono de ĵurnalistoj estas 29a de januaro.
Davor GRGAT
(laŭ *La Ĵurnalisto*, organo de Kroata Ĵurnalista Societo, Zagrebo, 1-2/95)

# REVUO de revuoj

## Heroldo de Esperanto

kiel ĉiun jaron ankaŭ en 1996 disponigas senpage sian printempan duoblan numeron kun listo de pli ol 200 Esperanto-kunvenoj al petantoj.

☆

## Monato

**internacia magazino sendependa**

En n-ro 1/96 Ionel Onet priskribas kritike enhavojn kaj efikojn de televidaj reklamoj en Usono („Malamiko de la usonaj infanoj", p. 13). Unu el tiuj efikoj, laŭ la aŭtoro, estas ke pro kreskinta reklamado pri „pseŭdomanĝaĵoj" kreskis kolesterolo ĉe infanoj. – En la sama numero aperas raporto pri atencoj kontraŭ ĵurnalistoj en Litovio kaj eseo de Simono Pejno pri literumado en Esperanto, kio laŭ li kaŭzas problemojn precipe en telefonado. – Krome, en tiu ĉi numero donace estis aldonita kolora mapo de Afriko.
Cetere, MONATO havas konsiderindajn poŝtajn problemojn; germanaj abonantoj jam plurfoje ricevis la revuon malpli frue ol eĉ japanaj. La februara numero, ekspedita komence de l' koncerna monato, ne atingis germanojn antaŭ marto...

☆

## Eventoj

**internacia sendependa gazeto pri la Esperanto-movado**

ŝajne plene adoptis la formon „videofilmo" laŭ artikoloj en n-roj 94 kaj 95 (vidu pri tio la rubrikon „Lingvo" en tiu ĉi n-ro de IĴ). Kun n-ro 95 ĉiu abonanto ricevis donace memgluan folion kun surskribo „Esperanto".
En n-ro 92 aperis detala raporto pri la nova Budapeŝta Esperanto-Domo, la nuna sidejo de la redakcio.

☆

## ESPERANTO

**organo de UEA**

En la januara n-ro aperis intervjuo kun televida reĝisoro Roman Dobrzyński pri la esperantigo de la BBC-kurso „Mazi en Gondolando".

☆

## tempo

**gazeto de Kroatia Esperanto-Ligo**

post unujara paŭzo reaperis en januaro 1996, en formato A4 kun 12 paĝoj kaj lolora kovrilo. Laŭ kolofonaj indikoj ĝi aperas kvar fojojn jare.

☆

## ESPERANTO aktuell

**organo de Germana E-Asocio**

En ĝia germanlingva n-ro 1/96 redakcio kaj estraro de GEA respondas al plendo de leganto pri uzado de brila papero por la kovrilo de la gazeto. Oni klarigas, ke ja por la internaj paĝoj oni uzas mediprotektan paperon, sed por havi pli bonajn fotojn surkovrile preferas tiucele brilan paperon, krome ŝparante kovertojn, ĉar la kovrilo estas sufiĉe fortika por ekspedi la revuon sen koverto.

☆

## El Popola Ĉinio

ekde la nova jaro 1996 ne plu atingas la redaktoron de IĴ, pro kialo nekonata; do IĴ ne plu povas referenci al ĝi.

# PERSONE

### *Novaĵoj pri gekolegoj*

[redacted]



„Per plumo kontraŭ malbono" estas titolo de nova eldonaĵo de Asocio de Bosniaj Ĵurnalistoj, eldonita okaze de ĝia 50jara jubileo. Ĝi enhavas artikolojn de 25 emeritaj bosniaj ĵurnalistoj, dojenoj de ĵurnalismo, kiujn ili aperigis dum la agreso [kontraŭ Bosnio – red.]. Ĉiuj ili laboras kaj vivas en sieĝata Sarajevo kaj aliaj bosniaj urboj sen bazaj vivbezonaĵoj, sed kun forta spirita energio. Inter la kontribuintoj en la libro estas ankaŭ s-ro **Mustafa Resulović**, redaktoro de tiu ĉi elsendo [de Esperanto el Sarajevo; radioprogramo de 16a nov 95].

☆

16 jarojn ŝi redaktis la revuon *Literatura Foiro* (entute 100 numerojn), nun sekvis literatura foriro: **Perla Martinelli** demisiis kiel ĉefredaktoro kaj transdonis la postenon al **Ljubomir Trifonĉovski**. Ŝi restos ligita al la gazeto kiel arta direktoro. Krome oni elektis ŝin sekretario de Akademio de Esperanto.
Multan sukceson al la nova ĉefredaktoro!

☆

Dum multaj jaroj *Monato* ne rajtis eniri Sovetion, nun du ekssovetianoj iĝis eĉ redaktoroj de la revuo: **Boris Kolker** por la rubriko „Libroj" kaj **Sergio Pokrovskij** por la rubriko „Komputado".

☆

**Will Green** ekde *Monato* 1/96 enkondukas en la preleg-arton. Eble liaj konsiloj estas interesaj ankaŭ por gekolegoj de radio kaj eĉ gazetaro.

☆

**Leo Belmont** estis la persono, kiun ni prezentis en la kvizo en IĴ 1/96.

# LINGVO

[redacted]

## Pledo por la vortformo „eŭro"

Lastatempe estiĝis pridiskutado rilate la ĝustan formon de la Esperanta vorto por la monunuo de Eŭropa Unio (EU). La partoprenantoj en la interŝanĝo de opinioj ariĝas en du kontraŭaj tendaroj: la „eŭro"-istoj kaj la „eŭroo"-istoj. Ŝajnas, ke tiuj, kiuj volas pravigi alprenon de „eŭroo", estas devigataj uzi bizancisman argumentadon. Ĝis nun neniu okupiĝis pri la demando en pli larĝa esperantologia perspektivo. Tamen, la kompara metodo povas doni eblon formuli principon aŭ regulon aplikeblan al asimilado ne de la nomo de nur unu monunuo sed pli ĝenerale al esperantigo de aliaj similaj novaj vortoj. Per tiuspeca analizo estos pli facile prezenti objektivajn kialojn de akcepto aŭ rifuzo de vortformoj kiel „eŭroo".
La unua trajto de „eŭroo" frapanta la okulojn estas la hiato ĉe la fino de la vorto, rezultanta el la sinsekvo de du samaj vokaloj, la „o" de la radiko „eŭro/" kaj la substantiva finaĵo „-o". Principe ne estas aprobenda multiĝo de Esperantaj vortoj kun hiatoj, se estas eble eviti ilin. Post la difino de „hiato" en *Plena Ilustrita Vortaro* (PIV) venas jena ilustra frazo: „la hiato estas des pli malagrabla, ju pli najbaraj estas la du vokaloj." Ĝuste la duobla „oo" en „eŭroo" estas tre „malagrabla", ĉar la vokaloj estas identaj.
Ja estas aliaj Esperantaj vortoj kun „oo": buro/o, karo/o, polo/o k. a. La kialo de la enkonduko de tiuj formoj estas bezono diferencigi ilin disde similaj radikoj, kies lasta litero ne estas „o": Bur/o, kar/o, pol/o. Tamen, estas eble trovi en Esperanto ankaŭ vortojn formitajn surbaze de etimoj, kiuj oportune finiĝas per „o", kaj tiu „o" estas utiligata kiel la substantiv-signo: arb/o (L. arbo), buf/o (L. bufo), hom/o (L. homo), palt/o (Pol palto, Rus pal'to), pav/o (L. pavo). Ĝuste tiel Zamenhof mem esperantigis tiujn etimojn. Cetere, en aliaj kazoj, la aŭtoro de Esperanto ne hezitis mallongigi latinajn etimojn por havi eblon utiligi enradikan „o" kiel Esperantan substantivan markilon: korp/o (L. corpus, corporis), nep/o (L. nepos, nepotis), temp/o (L. tempus, temporis). Tiuj ĉi esperantigoj estas ekonomiaj kaj malpezaj, ĉar la radikoj fariĝas unusilabaj.
Ankoraŭ unu punkto koncernas morfemojn funkciantajn kiel sendependajn vortojn kaj ankaŭ senŝanĝe kiel prefiksojn. Neniu modifo estas bezonata en la simplaj substantivoj „fot/o" kaj „psik/o" kaj ilia uzo en kunmetitaj substantivoj kiel „fotokemio" kaj „psikoneŭrozo" respektive. Paralela uzo estas „eŭr/o" kaj „eŭrokurzo". Apogo de la formo „eŭr/o" baziĝas sur la principo de analogio, kiu donas preferon al pli simple prononcebla vortformo sen hiato.
Bernard GOLDEN

## Ankoraŭfoje pri video

En *Internacia Ĵurnalisto* 4/94 aperis diskuto de Stefan Maul kaj Bernard Golden pri la terminoj „video", „videoklipo" kaj aliaj „video"-vortoj. Du apartaj temoj diskutiĝis: (1) la origino de la termino „video" kaj (2) la Esperantigo de tiu vorto aŭ koncepto.

(1) Pri la origino de la termino, nur pli dirindas ke en la Angla lingvo „audiovisual" (aŭdvida) estis multe uzata adjektivo longe antaŭ la populariĝo de magnetofonoj, kaj koncernis precipe ĉian utiligon de sonreprodukto kaj bildreprodukto. Ekz., „audiovisual aids" en edukejo inkluzivis utiligon de sondiskoj, la radio, diapozitivoj, filmoj, kc. „Visual" estas normala Anglalingva vorto kun la signifo „(per)vida". Sed neniu paralela adjektivo kun la signifo „(per)aŭda" ekzistis en la normala konversacianglа vortaro, do oni enkondukis teknikaspektan vorton „audio", kiu tamen ankoraŭ ne estas tute familiara termino en la konversacia lingvo.
Estis nature ke kiam diversaj spe-

ESPERANTO EN MEDIOJ

## BONAN VESPERON KARAJ AŬSKULTANTOJ?!

*Unu jaron post la mistera malapero de Esperanto-*

***Donald Broadribb skribas pri la furormodo anstataŭigi jamajn Esperanto-vortojn per novaj anglecaj pruntvortoj. Tia furormodaĵo estas ankaŭ la vorto „medioj" anstataŭ la ĝusta kaj kutima „komunikiloj". La apudan ekzemplon ni trovis en freŝa numero de „tempo", gazeto de Kroatia Esperanto-Ligo.***

coj de registrobendoj populariĝis, oni nomis ilin „audio tape" (aŭdbendo), „computer tape" (komputilbendo), kc. Tamen „visual tape" estis malpli oportuna termino – parte pro sia netujkomprenebleco en la ordinara Anglalingva parolado. Ĉar normale „a visual tape" kompreniĝus kiel „bendo kiun oni povas vidi" same kiel „an audio tape" = „bendo kiun oni povas aŭdi". Oni do enkondukis en la popularan lingvuzadon teknikan vorton por la speciala signifo „bildojn registranta bendo".

(2) En Esperanto, oni povus paroli pri „aŭdbendo" = „bendo kiun oni aŭdas" simile kiel en la Angla; sed oni preferis „sonbendo" = „bendo kiu sonas". Notu ke en Esperanto, „aŭdbendo" konstruiĝas el transitiva verbradiko, sed „sonbendo" el netransitiva, kio grave nuancigas la signifon de la tuta termino.

En la 1950'oj kaj 1960'oj okazis longedaŭra konfuzo pri Esperantigo de la nomo de la „nova" teknologio *television*, kaj finfine oni akceptis partesperantigon, per la termino „televido", kvankam „televizio" estis konkuranta termino; en la Oka Oficiala Aldono, prilaborata en 1974, *televid/i* (atentu: verba radiko!) oficialiĝis; sed *televizi/o* (substantiva radiko) ankaŭ kvazaŭoficialiĝis. Tiu stranga situacio okazis, ĉar oni en la oficiala publikigo de la Aldono difinis „televid/i. Vidi per televizio." (*Aktoj de la Akademio II*, p. 26.) Tamen, en la praktiko „televizio" plejparte malaperis el kutima uzado en Esperanto, dum „televid" estas preskaŭ neniam uzata verbe, kaj preskaŭ neniam kun la oficialigita signifo.

Estis preskaŭ neeviteble ke kiam bildregistraj bendoj analogaj al magnetofonaj bendoj populariĝis, oni Esperante nomis ilin „vidbendoj". Ke mankis lingva paraleleco al „sonbendoj" estas ne mirige. „Bildbendo" povus pensigi pri mikrofilmo, sed „*vid*bendo" tuj pensigas pri „tele*vido*". Kaj, grave, „vidbendo" iomete similas al la Angla vorto „video tape"; estas grave pro la furora modo enkonduki Esperantajn vortojn similajn al la Anglaj, inter multaj Esperantistoj nuntempe.

Dum la ĵuspasintaj pluraj jaroj tiu furormodo kondukis al la anstataŭigo de jamaj Esperantaj vortoj per novaj Anglecaj pruntvortoj. Ĉar en la Angla lingvo la radiko *vid-* ne ekzistas (nur *vis-*), la longa formo *video* estas kutima, do la pruntvorto baziĝas sur *video-*. Mi kredas memori ke la unua tia pruntvorto populariĝinta en Esperanto estis „videoklipo" anstataŭ „vidbendeto" aŭ „vidbendero" aŭ „vidbendaĵo" (?).

Sed kiel nomi la preparadon de vidbendo, aŭ la aparaton uzatan? „Registri/registrilo" ne estas vere kontentiga vorto por tio. La diversaj signifoj de la verba radiko *registr-* konfuzas. Tial laŭteorie oni povus diri „sonregistrilo", sed en la praktiko oni diras „magentofono". *Rikord-* aŭ *rekord-* respondas al aŭtentika sento de manko de taŭga termino en la tradicia vortprovizo Esperanta. Estas natura plupaŝo paroli pri „videorikordilo" surbaze de la Angla „video recorder".

Atentu tamen: en la ordinara Anglalingva konversaciado „video" signifas „vidbendo", „video" ankaŭ estas verbo kiu signifas „registri/rikordi sur vidbendon" kaj sekve substantive ankaŭ ofte uziĝas por la senco „vidbendilo" / „vidbendmagnetofono / vidbendregistrilo / vidbendrikordilo", do plene perdis sian sciencan-teknikan sencon. Anglalingvano plejparte ne konceptas pri rilato inter „video" kaj la verbo „see" (vidbendo, vidi).

Paronimoj (vortoj tre similsonaj, kun nuancdiferencoj en la signifo) abundas en Esperanto, sed ankaŭ konfuzegas Esperantouzantojn. Mi dubas, ke dezirindas enradikigi ankoraŭ novan paron *vid-i* = percepti per la okuloj, *video* = vidbendo. Preferindas pluuzi la tradiciajn *vid-*, *vidbend-*, kaj eble *vidrikord-* aŭ *vidrekord-*.

Donald BROADRIBB

---

# LETEROJ



*Stefan Maul / red. IĴ*
*Pferseer Str 15*
*DE-86150 Augsburg*

## Ĉerpi el E-gazetaro

**Bardhyl Mezini, Albanio, skribas pri tradukado de esperantlingvaj artikoloj kaj aperigo en albanaj gazetoj:**

Delonge mi tralegas viajn artikolojn sur la paĝoj de MONATO. Mi aprecas vian seriozecon, objektivecon kaj emon por subteni ĉiujn neprivilegiitajn popolojn kaj socitavolojn.

Laŭ mia mendo FEL-libroservo alsendis tre valoran MANLIBRO PRI ĴURNALISMO verkitan de vi. Mi tralegis ĝin interese kaj albanigis certajn fragmentojn el ĝi, ekz. tiun pri la etika kodo kaj tiun pri la fontoj de informado. Du grandaj enlandaj ĵurnaloj, RILINDJA kaj REPUBLIKA jam publicis ilin. Mi kunsendas ĉifoje al vi fotokopiaĵon el via albanigita artikolo lastatempa el MONATO, temanta pri iu grava antaŭjuĝo pri enmigrintoj, kio, laŭ mi, koncernas ankaŭ miajn sampatrianojn, same en Germanio, Grekio, Italio k. a. Mi persone dankemas al vi pro via kontribuo je tia kampo socia. Esperantistoj devas sekvi vian laŭdindan ekzemplon.

Mi regule ĉerpas materialojn el di-

versaj revuoj kaj libroj ankaŭ en nia internacia lingvo por ilin republici albanlingve. Lastatempe mi fintradukis interesan broŝuron de s-ro Edward Symoens kun titolo „La Soci-politikaj kulturaj kaj pedagogiaj radikoj de Esperanto“ (el angla versio). Same, allogis min la longa artikolo de s-ro Claude Piron en *Heroldo* pri la perversaj efikoj kaj konsekvencoj de la nuna komunik-sistemo kaj alia, samnumere, pri la antaŭjuĝoj pri Esperanto. Per tiu materialo mi jam verkis kaj publicis artikolon en alia enlanda ĵurnalo.

## Ioma revado

**Ĵak le Puil, Francio, skribas:**
En via artikolo pri „Alternativa kultur-kanalo“ (IĴ 1/69, p. 6-7) vi iom ... revas!
1. Arte elsendas ekde **19 h** (hodiaŭ ĝis la 2.40 h - „Zazie en la metroo“). Sur la sama kanalo, de la 6 ĝis la 19 h, kulturaj programoj por la junularo – ofte ege interesaj. (La nomo estas „la 5a“.)
2. **Neniam 14 milionoj** da francoj spektis tiun kanalon! (eble tio okazos, se ĝi plu prezentos erotikajn filmojn!)
Plej granda nombro da spektantoj por la semajno 1 - 7 januaro:
„Titanic“: 1 084 860
„La vie en face“: 1 084 860
la semajno 8 - 14 januaro:
F Mitterrand: 929 880
Cartoon Factory: 671 580
Semajno 15 - 21 januaro:
„Zazie“: 1 033 200
„Profession: reporter“: 878 220
Kaj sur la 1a kanalo:
„Le Flic de Beverly Hills 2“: 11 571 840
„Columbo“: 10 693 620

Ndlr.: La „eraro“ (aŭ miskompreno) troviĝas eble en tio, ke en la artikolo mi skribis ke „regule sekvas ĝin 14 milionoj“; pli klare estus „pli-malpli regule“ – tio ne signifas, ke ĉiuj 14 milionoj spektas specifan programeron, sed ke – por tiel diri – Arte havas tiom da adeptoj.
Efektive en Germanio Arte komencas je la 17 h, sed – laŭ la indikitaj programeroj – povas esti, ke ĝis la 19 h oni elsendas germanajn kontribuaĵojn, ne komunajn.

# METIEJO
***Ĵurnalistikaj aferoj***

# Ekzemplo por sukcesa lanĉo de regiona gazeto

En decembro 1995 estis la unujara jubileo de *Voĉo el Turingujo* (VET), kaj post unu jaro la gazeton oni povas taksi vivipova laŭ la legantara intereso. Ankaŭ tio estas kialo por iom rigardi malantaŭ la kulisojn de VET.

**La kialo**

Je la komenco, antaŭ la fina „naskiĝo“ de E-gazeto, ĉiam estas la ideo. Ĉe mi, kiel eldonanto kaj redaktoro, tiun ideon vekis la specialaj cirkonstancoj de la preskaŭ malaperinta Esperantista komunumo en Turingujo. En tiu nova federacia lando de Germanujo, kiu troviĝas sur la teritorio de iama Germana Demokratia Respubliko (GDR), post la politika ŝanĝiĝo en 1990 disfalis la movado en la nuna Turingujo. Kun la fino de la E-organizaĵo en GDR ankaŭ venis la fino de la organizateco por la plej multaj samideanoj.
Pli ol 90 % ne aliĝis al la E-asocio de la tuta Germanujo kaj nove aperinta landa asocio ankaŭ fiakis, ĉar la prezidanto s-ano Kelpin post komenca eŭforio neglektis siajn taskojn ĝis nulo. Krome la plejmulto de niaj samideanoj ne plu legis iujn ajn E-periodaĵojn, eĉ ne ricevis simplan cirkuleron de la landa asocio en Turingujo. Tial por multaj samideanoj Esperanto ne plu estis aktuala afero. En 1994 mi ne plu povis kaj volis toleri tiun staton. Mi komencis agi.
Ĉar mi konas la homojn kaj la situacion en Turingujo, mi decidis ne sendi cirkuleron kun alvoko pri nova engaĝo por Esperanto. Tio ne havus efikon. Mi serĉis alian vojon kaj pripensis la necesaĵojn.
Unue: ĉiu samideano en Turingujo ricevu regule legaĵon pri kaj en Esperanto, do gazeton. Tiel li restas ligita al Esperanto.
Due: la gazeto estu malmultekosta kaj enhavu pli ol nur informojn pri Esperantujo, por ke ĉiu havu intereson legi ĝin.
Trie: la gazeto estus simpla ligilo por la Esperantistoj en Turingujo, la legantara rondo tie estu la unua ŝtupo al la nova sento de komuneco kaj al landa asocio.

VET unua jaro ☆ Voĉo el Turingujo
N-RO 3 - JUNIO 1995 . SENDOPENDA • FORUMDONA • VARIOPLENA
KADUKA – ŜED VIVINDA!
La Esperanto-Asocio en Turingujo estas nia komuna domo, tre urĝas nia komuna agado por renovigi ĝin. Helpu nun!

**La komenco**

Kiel sekvo de tiuj pripensoj ekestis la ideo de VET. Nun leviĝis la demandoj pri la nomo, la aper-ritmo, formato kaj la nombroj da paĝoj de numero. Kiel formaton mi elektis A4, ĉar per ĝi mi havis pli bonajn spacajn eblecojn por la aranĝo de tekstoj kune kun grafikaĵoj. La aper-ritmon de kvar numeroj jare mi ĉefe elektis pro financaj kialoj. Mi fiksis la jarabonon je 10 DEM, prezo kiu estas pagebla en Turingujo, kie multaj ne havas laboron. Eldoni kaj dissendi (per la multekosta poŝto de Germanujo) pli ol kvar numerojn kontraŭ 10 DEM (prezo en Germanujo, ekster Germanujo 10 USD) kaŭzus tro grandan deficiton, kiu jam kun kvar numeroj estas sufiĉe alta. Kaj pri la nombro da paĝoj: La unua numero havis ok paĝojn, sed ekde la dua numero mi uzas dekdu paĝojn. Ok paĝoj ne sufiĉas por multvaria enhavo, se artikoloj bezonas pli ol unu paĝon.
La nomon mi elektis laŭ psikolo-

giaj kialoj. Pro la celgrupo en Turingujo mi decidis, ke la nomo enhavu la vorton Turingujo. Poste mi elektis Voĉo, ĉar ĝi laŭ mia scio ne jam estas uzata de alia gazeto kaj ĉar ĝi ŝajnis al mi adekvata laŭ la celo de VET. Tiam leviĝis la demando, ĉu uzi *en* aŭ *el* Turingujo. Mi elektis *el*, ĉar la gazeto ne estu limigita al regiono *en* kiu ĝi aperas, sed ĝi estu malferma ankaŭ por la tuta Esperantujo. La rezulto estis Voĉo el Turingujo, kun la mallongigo VET.

La zorgema elekto de nomo por

# LABORPLANO de TEĴA

**Akceptita en Tampereo 25 jul 95**

**Tujaj celoj:**

1. **Membraro.** Gravas, ke aliĝas al TEĴA pli da membroj. Ju pli da anoj, des pli forta nia voĉo kaj en kaj ekster Esperanto-rondoj. Do substrekindas, ke TEĴA ekzistas ne nur por profesiuloj, sed ankaŭ por ĉiuj, kiuj iel kontribuas al vasta gazetara, radia, revua, inform-bultena, cirkulera Esperanto-mondo. Tamen homoj ne aliĝos, se ili ne vidos en TEĴA praktikan profiton. Dezirindas, ke TEĴA estu konata kiel help-organizaĵo, ke realiĝu kreskanta membraro per

2. **Trejnado.** Ĵurnalistoj (espereble) ne bezonas trejnadon, tamen ili povas - kaj por antaŭenigi TEĴA-on devos - gvidi neprofesiulojn sur tiu kampo. Trejnado tiel realiĝu:

2.1. per perkoresponda kurso, kiun precipe povas partopreni ankaŭ junaj talentuloj en evolulandoj, kiuj ne povas vojaĝi al staĝoj, seminarioj kaj kongresoj;

2.2. per praktikaj trejnado-sesioj dum kongresoj, per apartaj seminarioj pri trejnado;

2.3. per kursoj en la morfoscienca sekcio de Akademio Internacia de la Sciencoj San Marino (AIS);

2.4. per helpaj artikoloj, demando-kaj-respond-rubriko en IĴ.

Per la kvar unuaj disvastiĝos informo pri TEĴA inter „ordinaraj" esperantistoj, kiuj aniĝos, vidante ke TEĴA proponas praktikan helpon kaj konsilon. Alivorte: TEĴA „vendu" siajn varojn (t. e. spertojn) al klientaro.

Ekz. unuopaj membroj povus organizi nome de TEĴA kaj kadre de siaj naciaj kongresoj kiel-verki-gazetare-seminariojn. Praktika sesio inkluzivu ekz. analizon de modele bonaj/malbonaj artikoloj aŭ verkigan ekzercon.

3. **Internacia Ĵurnalisto.** Nepras subteni la redaktoron de IĴ per artikoloj. Ĉiu membro kontribuu pri eroj koncerne sian profesion, sperton, vidpunkton - kaj ju pli vigla, pensiga, vasta la artikolaro, des pli leginda, abononinda la revuo, pri kiu oni fieru en la neesperanta mondo.

4. **UK.** TEĴA organizu/helpu la kongresan gazetaran servon kaj la kongresan kurieron.

5. **Radiofonio.** TEĴA kaj *Internacia Ĵurnalisto* subtenu kaj helpu, en kunlaboro kun Amikaro de Esperanto en RAdio (AERA), la gekolegojn de radiostacioj, kiuj elsendas Esperanto-programojn. Tio okazu ankaŭ fare de aparta laborkomisiono de TEĴA kaj eble foje propra TEĴA-sekcio de radioĵurnalistoj.

**Aliaj - malpli urĝaj - celoj**

Unue marŝi antaŭ ol kuri. Sen sufiĉe impona membraro, sen montri aktivecon en la Esperanto-mondo, sen prestiĝa revuo, neniu - egale, ĉu en aŭ ekster Esperantujo - atentos nin: male, ni simple nin ridindigos. Tamen pripensindaj estas:

1. **Rilatoj kun ne-esperantistaj organizaĵoj** - ĉefe enpenetro de pri- kaj per-esperantaj eroj en neesperanta gazetaro; kontaktoj kun ĵurnalistoj, kiuj simpatias al Esperanto; disvastigo de baza lando-principo de Monato;

2. **Ĵurnalista adresaro** de redaktoroj, verkistoj, radiostacioj, fotistoj, eldonata de tempo al tempo, utila por TEĴA-anoj kaj la Esperanto-movado, bona propagandilo por sendi al la neesperanta gazetaro;

3. **Premio** - Esperanto-ĵurnalisto de la jaro, eventuale kadre de Belartaj Konkursoj de UEA (por respektigi nian fakon ene de la movado kaj por speguli tion koncerne premiadon, kio okazas ekster ĝi);

4. **Enketo.** Regula enketado pri plej bonaj kaj popularaj Esperanto-gazetoj, jen inter geredaktoroj, jen inter ĉiuj esperantistoj, por tiel elstarigi pintajn gazetojn kaj eventuale „akuzi" fuŝajn;

5. **Ekspertizo.** Ekzistantaj kaj planataj periodaĵoj povu (kontraŭ pago) mendi fakan ĵurnalistikan ekspertizon de TEĴA pri la produkto, cele al plibonigo aŭ rekomendo pri realigo/nerealigo;

6. **Terminaro.** Ampleksa kaj detala fakterminaro pri ĵurnalistiko, kompostado, eldonado kaj komunikad-scienco mankas en la lingvo internacia. TEĴA povus kaj devus plani kaj realigi tian terminaron, tamen pro la kosto bezonos financan subtenon;

7. **Komputoroj** - kunordigo de komputoraj retoj, por faciligi transdonon de informo ene de Esperantujo kaj por starigi kontaktojn kun eksteraj organizoj (vidu 1, supre). Ĉu inter ni estas fakulo(j)? - Subteno de esperantlingvaj teksto-programoj kia estas *Ĉapelilo*, kiuj alportas avantaĝojn al esperantistaj ĵurnalistoj kaj eldonantoj.

gazeto estas tre grava, ĉar ĝi restu dum multaj jaroj sen ŝanĝo. Post tio sekvis la grafika aranĝo de la titola parto.
Sed gravas ne nur klara kaj bone prezentita titola parto, la tuta titolpaĝo ege gravas, ĉar ĝi donas la unuan impreson al la rigardanto. En la nuna tempo, kiam ni ĉiuj per la televido estas superŝutitaj per kaj kutimigitaj al bildoj, ni uzu ne nur tekstojn en la gazetoj. Tial ni ne nur ilustru la tekstojn de la internaj paĝoj, sed ege atentu pri la titola paĝo. Laŭeble ni uzu nur malmulte da teksto sur la titola paĝo, sed preferu foton, grafikaĵon aŭ grandan atentokaptan vorton/frazon. En VET mi priatentas tion – kun sukceso.
Pri la enhava koncepto sufiĉas unu frazo: ĝi estas multvaria, do ne nur koncernas Esperanton.

### La produktado

Ankaŭ gravas la teknikaj eblecoj por finprodukti gazeton. Mi uzas komputoron kun „fenestroj" (Windows) kaj specialan programon por publikaĵoj (PageMaker). Krome mi havas grandan stokon da grafikaĵoj sur multaj KD-ROMoj, skanilon kaj programojn por prilabori grafikaĵojn. La tekston mi enigas en la komputoron per la programo „Ĉapelilo" kaj poste kompostas ilin per PageMaker. Per inka printilo mi surpaperigas la paĝojn sur specialan paperon (formato A4), poste kungluas ĉiam du paĝojn al la formato A3. La koncernajn kunmetitajn paĝojn por unu ekzemplero mi poste fiksas en la faldita mezo per eksterordinare granda vinktilo. Kiel fina paŝo sekvas la dissendado.

### Nepra devo

Antaŭ ol mi printas la paĝojn por kopii, ili nepre devas esti kontrollegataj de lingve sperta samideano. Tio nun ankaŭ apartenas al la preparlaboroj por VET. Oni ne subtaksu la gravecon de tiu laboro. Eĉ la plej sperta redaktoro estas nur homo, kiu ne tute senerare laboras. Tempopremo pligrandigas la kvanton de la (eĉ plej simplaj) eraroj. Kiu ne havas iun por korektlegi, devas atendi kelkajn (ju pli des pli bone!) tagojn kaj tiam denove legu la tekstojn por trovi eblajn erarojn. Sed, kiu redaktoro havas tiom multe da tempo?

### Fina vorto

Redakti kaj eldoni E-gazeton kostas multe da tempo, peno kaj mono. Kiu intencas eldoni novan E-periodaĵon, tial antaŭe pripensu, ĉu li estas sufiĉe oferema. Li bezonas pretecon eklabori kiel idealisto en la servo de la Movado, sen iu ajn penso al rekompenco (ĉu financa, ĉu per danko). Kiu ne estas sindonema idealisto, tiu lasu tiun aferon.

Karlo SOMMER